5-a jaro. — N-ro 1 (49) Novembro 1912.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*




Redakcia parto:
**Oscar VAN SCHOOR**

Administracia parto:
**Frans SCHOOFS**

**ENHAVO** : Rezultato de la Konkurso Conscience. — Oficiala Komuniko de la Belga Ligo Esperantisto.— Internacia Esperantisto Semajno-Kongreso.—La Senpartico. — Kristnaska Vespero. — Belga Kroniko.— Eksterlanda Kroniko. — Saluto al Krakow. — Bibliografio. — Nekrologio. — Diversaj informoj. — Kion Patrino povas suféri (de Hendrik Conscience).

***UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16***

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1912 —

# Kaheloj — Fajencoj
# Majolikoj

# Firmo Ls JANSSENS

15, Vleminckveld

TELEFONO 3474 ANTWERPEN




blankaj, flavaj, ruĝaj, terkoloraj, ledkoloraj k. t. p. konservas siajn kolorojn kaj necedas en ĉiuj ajn eksperimentoj.

## Pavimoj "Heureka,,

imitantaj la linoltolon, sed sen interspacoj, kaj tial persistaj, daŭreblaj kaj facilaj por la purigado.

---

ONI RENOVIGAS LA ELUZITAJN STUPAROJN, PANISTAJN BENKOJN, MAGAZENAJN TABLOJN K. T. P.

---

**Specimenoj, planoj, projektoj n° 300 estos sendataj senkoste kaj sendevige je mendo de la klientoj.**

# BELGA ESPERANTISTO

Aperas proksimume je la mezo de ĉiu monato. Ĝi estas la oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista. Ĝi enhavas diversriĉan materialon kaj estas redaktata nur esperante. Ĝi havas regulajn korespondantojn kaj kunlaborantojn en ĉiuj belgaj urboj kaj en multnombraj fremdaj landoj.

— Ĝi konsentas specialajn kondiĉojn por la grupoj kiuj abonas ĉiujn siajn membrojn.

---

# Fremdlandaj korespondantoj

| | |
|---|---|
| D-ro Leon ROSENSTOCK . . . | Krakow, (Polujo) |
| John LUNDGREN . . . | Hedemora, (Svedujo) |
| F-no Adela ŜEFER . . . . | Londono, (Anglujo) |
| F-no M. WHITE . . . . . | Edinburgo, (Skotlando) |
| D-ro G. JAMESON-JOHNSTON . | Dublin, (Irlando) |
| H. Th. THOMSEN . . . | Kristiania, (Norwegujo) |
| ARGUS . . . . . . | Berlin, (Germanujo) |
| PENKO STOJEV . . . . | Trojan, (Bulgarujo) |
| D-ro P. STANISIĈ. . . . . | Vinkovci, (Kroatujo) |
| Jules WOLF . . . . | La Chaux de Fonds, (Svisujo) |
| B. F. SCHUBERT . . . . | Washington, D. C. (Usono) |
| Martins d'ALMEIDA (Bemaldo) | Lisbono, (Portugalujo) |
| Jules de BULYOVSZKY . . | Budapest, (Hung.) |
| J. AIZIÈRE . . . . . | Alfortville. (Francujo) |
| Em. J. NICOLAŬ, . . . | Bukureŝto, (Rumanujo) |
| D-ro Ambrosio VARGAS, . . . | Meksiko |
| Giuseppe CALZA . . . . | Genova, (Italujo) |
| E. R. HAYHOW . . . . | Cape Town. (S. Afriko) |
| Artur E. BARRINGTON . . | Benalla, (Victoria) |
| ELEUTERIO ROSARIO CAMPO | Porlamar,(Venezuela) |
| Paul V. IDOYAGA . . . | Montevideo |

---

5-a JARO. DECEMBRO 1912. 2a NUMERO (50)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

**Redakcia parto :** OSCAR VAN SCHOOR | **Administracia parto :** FRANS SCHOOFS

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Rezultato de la Konkurso Conscience.

Kiel ni promesis en la lasta n-ro de nia jurnalo, ni publikigas hodiaŭ la rezultatojn de nia konkurso pri la tradukaĵoj de verkoj aŭ partoj de verkoj de Conscience.

La juĝantaro konsistis el S° Dro W. Van der Biest, kaj S° Dro R. Van Melckebeke el Antwerpen, kaj S° Profesoro Wagner el Charleroi. La redaktoro de Belga Esperantisto funkciis kiel prezidanto de la juĝantaro, nur por sumigi la rezultatojn kaj decidi laŭ tio la finan rezultaton.

B. E. plenumas agrablan devon dankante tutkore la amikojn kiuj volis preni sur sin la ne ĉiam agrablan taskon de juĝanto, kaj samtempe dankante la partoprenintojn en la konkurso. La 19 premiitaj tradukaĵoj aperos laŭeble en la jarkolekto 1912-1913 de nia jurnalo.

Ĉi sube la resultatojn de la konkurso :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1-a premio : n° | 5. | Devizo : | Policano. — Sen nomo. |
| » | 15. | » | Amu unu la alian. — F-ino M. Posenaer, Borgerhout. |
| » | 16. | » | Nur Antaŭen. — F-ino M. Klingelhoets, Antwerpen, |
| » | 18. | » | Al vi. — S° A. Van de Velde, Boom |
| 2-a » | 1, | » | Li lernigis sian popolon legi. — S° J. Jacobs, Antwerpen. |
| » | 3. | » | Amiko de la Vero. — S° M. Sebruyns, St-Amandsberg. |
| » | 9. | » | En perfekta interkonsento ĝis la venko. — F-ino Eugenie Colyn, Gent. |
| » | 13. | » | Nur Antaŭen. — F-ino M. Klingelhoets, Antwerpen. |
| » | 17, | » | En Venezia Gondolo. — S° Otto Wilcke, Antwerpen. |
| 3-a » | 6. | » | os, as, is. — S° K. A. Cassiers. Antwerpen. |
| » | 10. | » | 7-a. — » » » |
| » | 14. | » | Esperantujo estas nia patrujo. — S° Jul. Jacobs, Contich. |
| » | 19. | » | Hirondo. — S° Jos. Swalf. Antwerpen. |

4-a » 2. » Esperoen Esperanto.—S° René Georges, Antwerpen.
» 4. » ? ! — S° K. A. Cassiers, Antwerpen,
» 7. » Ĉiu estas iufano de siaj klopodoj. — F-ino L. Van Olmen, Antwerpen.
» 8. » Al ni la estonteko. — F-ino E. Colyn. Gent.
» 11. » E. Crabio. — Sen nomo.
» 12. » Arbara Hejmo. — S° Otto Wilcke, Antwerpen.

La premioj estas disdonotaj dum la monato Januaro 1913.

B. E.

---

# Oficiala Komuniko de la Belga Ligo Esperantisto.

## Al la Estraroj de la Belga Grupoj.

La Belga Ligo Esperantista, en sia lasta ĝenerala kunveno, elektis Liège kiel sidejo de la kvina belga Kongreso.

Hodiaŭ, post kelkmonataj klopodoj ni, kun granda bedaŭro, konstatas ke, pro diversaj gravaj motivoj, ne estas eble organizi la kongreson en tiu urbo kun certigo de bona rezultato. Tial ni opinias ke nia devo estas eviti al nia afero malsukceson kiu riskus forigi la al Esperanto favorajn sentojn de la Lieĝanoj.

Post la lastaj sciigoj ricevitaj el Liège ni estas devigataj forlasi la ideon okazigi la V^an kongreson en tiu urbo kaj ni proponis al la gekomitatanoj de la Ligo akcepti la proponon senditan de la Grupo Esperanto de Spa.

Ricevinte nenian respondon kontraŭstarantan tiun proponon, ni decidis ke la V^an Belga kongreso okazos en Spa.

Bonvolu do sciigi tiun ŝanĝon al viaj kungrupanoj.

Akceptu, kara Samidean(in)o, nian estimplenan saluton.

| *La Prezidanto,* | *La Vic Prezidantoj,* | *La Sekretario* | *La Kasisto,* |
|---|---|---|---|
| A. J. WITTERYCK. | A. RICHARDSON, L. DELVAUX. | L. CHAMPY. | F. MATHIEUX. |

---

# Internacia Esperantista Semajno-Kongreso

## —o— GENT — AUGUSTO 1913 —o—

Gent, la 28an de Decembro, 1912.

## 2a CIRKULERO

En la lasta numero de « Belga Esperantisto » ni invitis la esperantistojn multnombre ĉeesti la Internacian Esperantistan Semajnon-kongreson kaj de nun sin enskribiĝi kaj pagi sian kongresan karton.

Jam pli ol 100 geesperantistoj sendis aliĝon ; do ni povos certigi ke la Internacia Esperantista Semajno-kongreso havos grandan sukceson ; ĉiu vera esperantisto, malgraŭ malfacilaĵo devos nepre sin enskribi por helpi je la sukceso kaj la venko de nia movado.

Kelkaj grupoj prave pensis ke la kotizaĵo ne sufiĉos por egaligi la elspezojn. Tial ili sendis al ni monoferojn kiujn ni danke ricevis. Ni esperas ke tiu-ĉi ekzemplo ne restos izolita.

*Loĝado* : La organiza komitato organizas komisiitaron de loĝado, kiu enregistros la lueblajn ĉambrojn La esperantistoj kiuj deziras jam mendi ĉambrojn nur por kelkaj tagoj bonvolu skribi al la Direktorino de la loĝado komitato F-ino R. Schepens, Karel Lodewijk Diercksstraat, 14. Gent. — 1e Kiun tagon ili alvenos ; 2e La daŭron de la ĉeestado ; 3e La maksimuman prezon kiun ili deziras pagi ; 4e la apartajn dezirojn pri vivado, nombro de ĉambroj, k. t. p. La komitato tuj klopodos ĉiujn mendantojn plej bone kontentigi.

## Eldonajoj de la Internacia Esperantista Semajno - kongreso.

Ĉiuj aliĝintoj kiuj sendis frs 2.50 = Sm. 1.000 kiel simplan kotizajon ricevos dum sia ĉeestado, diversajn kartojn, enirkarton en la Universala Ekspozicio, enirkartojn por la festoj, kunvenoj, paroladoj, detalajn programojn, luksan ilustritan kongreslibron, k. t. p.

La kongreslibro konsistos el : Historio de Esperanto en Belgujo, detalaj programoj, plena nomaro de la kongresanoj, gvidlibro por la vizito de Gent, planoj kaj ilustrajoj, priskribo de la Genta Universala kaj Internacia Ekspozicio kun ilustrajoj k. t. p.

Ni eldonos reklamglumarkojn pri la Esperantista Semajno-Kongreso ; specimeno estas montrita ĉi - flanke. Ili kostas por 100 ekzempleroj en unu koverto, fr. 1.00 = Sm. 0 400. Bonvolu ilin mendi, kaj aldonii la monon al la mendo ĉu poŝtmandate ĉu en respondkuponoj, skribante al S-ro Arthur Vermandel, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen.

En la Februara numero de « Belga Esperantisto » ni publikigos la unuan nomaron de la jam aligintaj kongresanoj, kune kun pli precizaj informojn pri niaj agadoj

LA ORGANIZA KOMITATO :

Honora prezidanto : S-ro Alb. Maertens, Prezidanto : S-ro M. Sebruijns, Vic prezidantoj : S-roj A. Vermandel, S-ro W. Ernst, S-ro O. De Bruycker, Sekretario : S-ro H. Petiau.

Help-sekretario : S-ro VAN CLEEMPUT, Kasisto : S-ro J. FOUQUET, Help-kasisto : S-ro J. BARBE-DE KNEEF, Direktorino de la Loĝado Komitato : F-ino R. SCHEPENS.

---

# La Senpartieco.

Kara Redaktoro,

B. E. estas serioza revuo, tamen ne estas, laŭ la latina poeto, malpermesate, kelkfoje : « ridendo dicere verum » : « ŝercante diri verajon ». Mi do antaŭ ne longe ricevis belpresitan cirkuleron el Svisujo, varme invitantan min partopreni en la kreado de « Bureau de la langue internationale ».

Oni, per tiu cirkulero, certigis al mi, ke la Komitato decidis montri « la neŭtralecon la plej absolutan pri ĉiuj projektoj de internacia lingvo ».

Nu mi rimarkis, ke la du Vic-prezidantoj de tiu Komitato estas S-roj OSTWALD kaj WALTISBÜHL, kaj la Sekretario, kiu estas, ŝajne, la animo de la afero, estas la Protestanta Pastro SCHNEEBERGER. Viaj legantoj scias sendube, ke tiuj tri sinjoroj estas la plej agemaj el Idistoj, kiuj neniam perdas la okazon por antaŭenpuŝi tiun plagiaton de Esperanto. Plue, por bone elmontri la celon kaj la elvenon de la cirkulero, la pastra sekretario havis la laŭ mi singardemecon presigi sur la koverto vorton de la Id-lingvo : « *Imprimuro* ».

Mi do respondis, ke mi plezure aliĝus la Asocion kaj iĝus subtenanta membro, paganta cent frankojn, se ili volus konsenti fari *etan* ŝanĝon en la estraro de la komitato. Mi aldonis, ke la mondo estis tiel suspektema, ke eble, kelkaj povus suspekti la « absolutan senpartion » de tiuj 3 sinjoroj. Mi do proponis, ke oni nomu kiel Vic-Prezidantoj, Doktoron ZAMENHOF kaj Generalon SEBERT, kaj kiel Sekretarion S-ron T. CART, jen tri scienculoj tiel kapablaj kaj egale senpartiaj kiel S-ro OSTWALD, WALTISBÜHL kaj SCHNEEBERGER.

Plue, mi esprimis la deziron, ke oni ne komencu uzi la lingvon, kiun oni evidente *jam* decidis elekti, almenaŭ antaŭ la kreado de la «Bureau », kiu pretendas devi elekti ĝin.

ARO.

## Aldono.

Kelkajn tagojn post la sendo de tiu-ĉi letero mi ricevis respondon, ne de S-ro D-ro GOBAT, al kiu tamen mi sendis « personan » leteron, sed de la protestanto Pastro S-ro SCHNEEBERGER, kiu ŝajnas esti la sola oficiale aganto en la tuta afero. Mirigita mi rimarkis, ke tiu letero estis en Esperanto !

Mi respondis france, ne al Pastro SCHNEEBERGER, kiun mi nur konas nome kiel militantan Idiston, sed al S-ro D-ro

GOBAT, kun kiu sole mi deziras interrilati. Jen la resumo de mia respondo, kiu sufiĉe sciigos al niaj legantoj la enhavon de la Esperanta letero.

Mi skribis do al S-ro D-ro GOBAT, ke mi bone scias Esperanton, tamen mi ne sekvus la ekzemplon de S-ro SCHNEEBERGER, tial ke laŭ mi estas apenaŭ delikate « in casu » jam uzadi lingvon artefaritan pri la kreado de « Bureau » kiu almenaŭ pretendis elekti tian lingvon « kun » la plej absoluta neŭtraleco ».

2e. Mi notigis la subtilan diferencon inter komitato starigita por elekti internacian lingvon, kaj « Bureau » nur starigita por havigi komitaton elektontan ĝin. Tamen mi esprimis la deziron scii, supozante ke la Esperantistoj estus starigintaj similan « Bureau »' kies Prezidanto estus D-ro ZAMENHOF, la du Vicprezidantoj D-ro BOIRAC kaj Generalo SEBERT, kaj la Sekretario S-ro CART, ĉu la Idistoj akceptus tian « Bureau », eĉ se oni certigus al ili, ke la elekto de la lingvo okazus kun la plej absoluta neŭtraleco? Mi aldonis, ke kompreneble tia supozo estus absurda. D-ro ZAMENHOF kaj siaj amikoj estas tro delikataj por fari tian proponon kaj ili havas tro da respekto por siaj kontraŭuloj por proponi ĝin al ili.

3e. Mia korespondinto certigis al D-ro ZAMENHOF kaj la aliaj esperantistoj esti vicprezidantoj « apud la idistoj » Mi respondis, ke mi ne bone komprenis kial ĉe komitato, « absolute neŭtrala » nur anoj de *du* lingvaj sistemoj devus aperi. Cetere mi bone komprenis, kial tiuj Sinjoroj rifuzis, same kiel mi komprenas, kial eĉ malsaĝa birdo ne eniras kaptilon senkaŝe al ĝi prezentitan.

4e Pri la klarigo, ke la presigo de la idista vorto « imprimuro» estis nur la faro de oficistino, mi respondis, ke kompreneble mi ne pensis, ke sinjoro, tiel « malin » kiel S-ro SCHNEEBERGER, intence uzis tiun stampilon. Mia motivo estis nur altiri la atenton al la deveno (« à la boite ») de la tuta korespondado. Kompreneble sekretario tute neŭtrala ne havas sur la skribtablo ĉirkaŭ si stampilojn k.t.p., kies nura celo estas helpi al la propagando de la lingvo Ido.

Mi finis dirante, ke malgraŭ la althonoreco de la membroj, la nomita Asocio havas evidente nur unu celon, t. e. la elekton de Ido kiel la estonta internacia lingvo.

Mi nur esprimas la deziron, ke la respektinda Direktoro de la Svisa Pacifisma Ligo ne daŭrigu pruntdoni sian honoran nomon al afero tute ne inda je lia bonfamo, ne nur en Svisujo, sed ankaŭ ĉe la amikoj de la Paco en ĉiu lando.

A. RICHARDSON.

# Kristnaska Vespero

*Al Sinjorino* H. Carton de Wiart
*Respektplenan saluton.*

Rapide la Grafo Roberto de Trian reiris hejmen.

Estis enuige. Li promesis ne tagmanĝi en la urbo, ĉar ideto — li havas fileton — volas, la patro ĉeestante, senŝarĝi la Kristnaskarbon de ĉiuj ĝiaj frandaĵoj.

— Jam la sepa! Fulmtondro! Kaj oni atendas min antaŭ la sesa... ĝi ne estos agrabla... mia hejmreveno!

Tie supre, en la ĉielo, la steloj ŝajnis brili kaj danci, kvazaŭ tio amuzis ilin vidi ke li marŝas per tiel rapidaj kaj samtempe nenormalaj paŝoj.

Ĉu li marŝis neregule...

Ĉu tio povis esti alie?

Roberto de Trian matenmanĝis en restoracio, kun amikoj kaj amikinoj. Li prenis sian parton ĝis sate! Li ja iomete trinkis, bona ĉielo! Ĉu oni ne povas plu amuzi sin! De la morto de Marganjo, lia karulino, naŭjaraĝa, post tri tagoj da sufero, tiel rapide de la mano de la morto forŝirita, lia edzino ĉiam funebranta, havas ruĝploritajn okulojn kiuj ne plu ĉesas verŝi larmojn. Li ankaŭ ĉagrenis, ho kiel sincere. Sed ĉu oni devas daŭrigi la funebron. Tial Roberto de Trian, kiu estas ankoraŭ juna — 38 jara! — senbrue forlasis la hejmon, kie ĉiu al li ŝajnas tiel malgaja, eĉ la geservistoj kiujn li renkontas tie ĉi kaj tie en la koridoroj.

Poste li restis dum kelka tempo en sia kutima kompanio, fumigis kelkajn ĉigaredojn, trinkis glasojn da eliksiro, kaj eĉ ludis kartojn.

Kaj tiam li estis foririnta kun la bona intenco sin turni al sia edzino; malfeliĉe li renkontis kelkajn el siaj kamaradoj kiuj kunprenis lin en trinkejon, la rezulto estis ke li ree trinkis kelkajn glasetojn.

Ĉio ĉi demontras, pro kio Roberto de Trian, malgraŭ la maldolĉa malvarmeco, preferis piede reveni hejmen anstataŭ per taksmetro, por doni al siaj kruroj iliajn naturajn movadojn, ankaŭ por iam helpi la elvaporigon de l'alkoholo

Kaj tamen ĉio ŝajnas al li enuiga, malhela.

Lia vivo estas komplikita; li estas tre bona persono. Lia edzino amema. La alkoholo ne povas esti pli bona. Tiamaniere rigardata, ĉio estas bonega. Kaj tamen li devas konfesi ke ĉio ne estas ĉiam roskolora. Roberto amas sian edzinon kaj ankaŭ la alkoholon, sed tiel forte sinjorino amas Roberton, kiel male ŝi havas pli grandan antipation por ĉiuj alkoholaĵoj

* * *

La familia ĉambro estas granda, riĉe meblita. En angulo la Kristnaskarbo, kies branĉoj preskaŭ fleksas sub la ŝarĝo de ravaj paketoj kaj ludiloj, ĉio ĉi intermiksita de sennombraj ŝteletoj kaj ruĝaj kaj verdaj kandeletoj kiuj palpebrumas kaj brilas en la nigra verdaĵo...

« Beleta, ja, tre beleta ! opinias Roberto, dum li ekrigardas la belaĵojn. kaj demetas siajn gantojn. Tio daŭris du minutojn. Tiam li ĉirkaŭbrakas sian edzinon, sed tre alte, apenaŭ tuŝante la buklojn kiuj ĉirkaŭas ŝian frunton, eble plej malproksime de ŝiaj lipoj.

— Senkulpigu min, karulino, pro la longa foresto. Nenia ebleco preni taksmetron, ne, eĉ nenian ajn veturilon... Multokupata tago kiel hodiaŭ, ĉiu okupata... la tramveturilo sen liberloko...

Li ridas,sed devas konsoli sin tion sola fari. Tiam daŭrigante:

— Mi vidis Leonon kaj Kristinon, vi bone scias, mi devas gratuli vin de ili.... Poste mi vidis ankaŭ.

Pli antaŭen li ne daŭrigis. Per kuna gesto el kiu oni facile povis kompreni ke ili de li viditaj malmulte interesas ŝin, elfalis kelkaj preskaŭ neaŭdeblaj vortoj de ŝiaj lipoj.....

— Ho, jes, bone, bone ! Sed kiun vi ne vidis estas via fileto, kiu dum la tuta tago ne vidis vin, tiel malgrava ŝajnas al vi lia Kristnaskarbo.

— Fulmtondro ! Estas vere ! Poum, kie estas vi ? Poum karuleto, montru vin !

Poum estas bela blonda roskolora knabo, ĵus sesjara vera knabo ! — kaj kiu sola en laŭta pripensado estas por ĉiuj belaĵoj kiuj tie antaŭ li brilas. Li kuras al patro, kiu lin prenas kaj kisas. Sed Poum subite krias :

— Ho Paĉjo ! kiel malagrable vi odoras ! Kion vi trinkis, diru ?

Ekruĝante, preskaŭ kolere li glitigas la knabon sur la plankon, flanke rigardante sian edzinon, kiu kovrante sian vizaĝon per la manoj, atendas.

Funebra silento sekvas.

La manĝado indiferenta finiĝas malgraŭ la ĝentilaj naivaj diroj de Poum, kiu estas tre ekscitita, ĉar dum la postmanĝo oni deprenas la paketojn kaj ludilojn de la arbo, kaj ĉiuj la servistoj ricevas tiam de sinjoro Poum unu aŭ alian el tiuj sukeraĵoj.

Tion pensante Poum ne plu sentas la malsaton, tiom li rapidas por komenci.

— Poum, ĉu vi volas manĝi, se ne mi ordonas ke oni forprenu la arbon.

Poum, obeeme, ree havas apetiton, sed li en sia malgranda animo opinias tion simpla infaneco.

— Mario...... vi ŝajnas ree kolera.

— Mi ne estas kolera. Nur iom ĉagrena! Kiom da fojoj mi jam petis al vi forlasi la trinkkutimon, kiun vi alprenis, mi ne scias kie.... Tiun vesperon ree....

— Sed, Mario....

— Kiel! Vi kuraĝas nei?... vi timis kisi min, kaj estas via filo, kiu nesciante hontigas vin....

Roberto - kiu eĉ ne al muŝo farus ion malbonan — nenion respondis. Li turnigas kaj returnigas ĉirkaŭ sia fingro la ringon, la fianĉringon....

Ŝi kun tiom da amo, tiel neĝenate, tiel entuziasme donacis ĝin al li, kiam ŝi estis ankoraŭ la belega fraŭlino.

Estis tagoj de feliĉo kaj gojo kiuj sekvis tiun momenton. Sennuba ĉielo. Tamen tre malgranda makuleto: ian fojon Roberto revenis hejmen ebriega. Poste, ne sciante kiamaniere pasigi sian liberan tempon, li fariĝis drinkemulo, kaj kelkaj el liaj amikoj helpis lin....

Poste trafis ŝin bato ankoraŭ pli peza por ŝi... Marganjo mortis.

Momentan ambaŭ rigardas unu la alian. La okuloj de Mario estas malklarigitaj de larmoj. Roberto malsuprenlevas la siajn. Li estas kolera, kolerega kontraŭ li mem, pro siaj indulgecoj....

Li sentas ege ĉagrenon en si mem.

Li iras al la fenestro, sur kiu li desegnas ĉiujspecajn figurojn....

— He! kio estas tie.

Malsupre, antaŭ la domo, sur la aleo, amasigas sin personoj.

— Eble malfeliĉo.

Poum staras ĉe patrino por konsoli ŝin.

— Kie estas pacjo?

Roberto subite forkuris... Jen li jam revenas, sekvita de liaj geservistoj, la veturigisto, la ĉambristino...

Korpo, knabineto, proksimume dekjara, kuŝas sur liaj brakoj.

Ŝi estas terure pala; la plumbkoloraj lipoj, duone malfermitaj, malkovras tre blankajn dentojn... la infano ŝajnas mortinta.

Sinjorino de Trian rapide apud la fajrujo proksimigis brakseĝon, en kiu ŝi tiel ofte dorlotis sian karan Marganjon. La knabineto preskaŭ malaperas en la molegaj kusenoj.

Dolĉe, tre dolĉe, ŝi tuŝas la frunton kaj tempiojn per tuko en vinagro trempita. Poum, kies koreto estas tuta premita, tenas la ujon kun vinagro....

— Panjo, kiel estas ŝia nomon diru? Ne mortinta, tute ne, ĉu ne panjo?

— Silentigu, Poum! ĉar ŝajnis al ŝi ke la anĝelo de la morto jam ŝvebis en la ĉambro.

Poum sin sentas nun vere malgaja; li nenion plu diras, sed tenas pli forte la ujon.

Tiam la kuiristino klarigas la okazintaĵon : « La kuireja fenestro estis iom malfermita. Ni manĝis, kiam mi vidis tre malgrasan vizaĝeton, ĉiel palan, kontraŭ la barilpordo premitan, al kiu la malfeliĉulino sin tenadis, nenion dirante ol : « Sinjorino, mi petas... » poste ŝi falis... Vi komprenas, ke ni tuj alkuris. Subite popolamaso estis tie. Sinjoro iris informi la policon. Sed Elisabeto enportis la infanon por...

— Vidu, ŝi malfermas la okulojn, interrompis sinjorino de Trian.

Vere, la malfeliĉulino malfermas duone la lacigitajn kaj melankoliajn okulojn por refermi rapide ilin. Ŝiaj trajtoj sin dolore tordis kaj kvazaŭ aŭdeble ŝi tremante murmuris : « Mi malsatas ».

Je tiuj vortoj ĉiuj disiris.

« Ŝi malsatas ! Ŝi malsatas !... »

Poum, bonkora, prezentis la vinagron. El la kuirejo oni alportis varman supon, kaj, kelkajn momentojn poste, kiam ŝi estis iomete refortigita, hela ruĝeto koloris sian belan vizaĝeton kaj tre dankeme ŝi ridetis al siaj savintoj.

— Kie loĝas viaj gepatroj, infano ? petis la grafino, dum ŝi karesante glitigis sian manon sur la bukloj de la knabineto.

— Paĉjo estas de longe morto. Antaŭhieraŭ oni enterigis panjon,

Du grandaj larmoj fluis sur ŝiaj vangoj.

— Kie vi loĝas do ?

— Nenie. Nia posedanto hieraŭ diris : Jen, knabino, prenu tiun moneron kaj iru al la policejo. Tio kio ankoraŭ restas el la mebloj raportos eble sufiĉe por la prokrastita luprezo.

Tiam mi foriris.

— Ĉe kiun vi iris ?

— Ĉe neniun.... Mi pasigis la nokton sub la pordego de Sta Gudula preĝejo.

Poum sentas tremeton trairantan lian korpon, kaj pensas pri sia dolĉa kaj ĉarma liteto.

—...Kaj mi petis la infaneton Jesuon por ke li venu preni min. Ho, panjo ! panjo !

Ŝi ploras kaj plorĝemante ŝi lasas malsupreniĝi sian kapeton sur la brakon de la apogseĝo.

— Poum, kun kortuŝeco, demandas ŝian nomon ?

— Antoinette ! estas la respondo.

Tiam per voĉo ofte de plorĝemoj interrompita, ŝi rakontas sian historian. Historio de naŭ jaroj, kion tio povas enhavi ?

« Ni loĝis en bela granda domo, kun antaŭa belega ĝardeno, proksime de la Triumfarkaĵo en Parizo. Panjo estis ĉiam bele vestita, kaj mi ankaŭ. Paĉjo estis arĥitekturisto kaj gajnis multe da mono. Subite ni enloĝis en alia domo ekster Parizo, sed ĝi estis multe pli malgranda. Paĉjo estis tuta sanĝita, li, ĉiam tiel bona, estis nun kolera, li trinkadis...

La knabino febre parolis.

Roberto de Trian paŝon regresis.

— ...Li trinkadis. Li batis panjon, ŝin tiel bonaniman. Poste iom post iom ni vendis ĉinjn niajn meblojn. Paĉjo subite malaperis. Panjo rakontis ke li estas mortinta. Malmulte poste ni alvenis en Bruselo. Ni neniun monon plu posedis, kaj tiam panjo mortis, min premante sur sian koron kaj kun lasta rigardo al la portreto de paĉjo.

Kaj ŝi prenis de sub sia kravato malgrandan multekostan medalionon en kiu éstis la fotografaĵo de ankoraŭ juna viro, kun delikataj kaj regulaj trajtoj.

— Li estis tiel aminda paĉjo, kiam li ankoraŭ ne trinkadis, murmuris la knabineto.

* *
*

Roberto de Trian pasie premis sian edzinon kontraŭ sian bruston, dum li prenis la kapeton de Poum kiu jam amuze reiris al Antoinette.

— Ĉu vi ĉagrenus ankoraŭ, mia trezoro, se la malgranda Antoinette, memore pri Marganjo, prenus ŝian lokon kaj... mi promesus al vi neniam, neniam plu trinkadi ?

— Roberto, ho ĉu vi povus tion ?

— Tion mi ĵuras al vi, karulino ! Hodiau estas Kristnasko !

Multe da larmoj fluis sur la vangoj de sinjorino de Trian, sed nun estas larmoj de feliĉo kaj de ĝojo.

Poum malfermas grandajn okulojn. Li nenion komprenas... ĉio tiun ĉi vesperon ŝajnas al li tiel eksterordinara ; prenante la manon de Antoinette li kondukas ŝin proksime al la arbo, en kie ruĝaj kaj verdaj kandeletoj iom post iom sin konsumis.

— Paĉjo ! nun mi povas kun Antoinette depreni ĉion de la arbo, ĉu ne ?

— Jes certe, kara knabo, faru.. sed ne nur la arbo havas ĉiujn donacojn por vi. La Kristnaskinfano ankaŭ al vi donacis grandan fratinon.

Poum pro ĝojo laŭte krias. Ankoraŭ fratineton por malgranda Poum ! Tio estas pli por li ol ĉiuj trezoroj de sia infanmondo

Antoinette staris revante kun fermitaj okuloj, kvazaŭ ŝi vidas én la malproksimo siajn karajn mortintojn...

Roberto de Trian, tute emociita, levas per la du manoj la kapon de sia edzineto kaj ambaŭ rigardas unu la alian grave sed samtempe tre ameme. Kaj la grafino dolĉe murmuris al sia edzo :

« Tiu ĉi Kristnaskvespero sendis al mia patrina koro la plej « grandan konsolon kaj ankaŭ igis de mi la plej feliĉa el ĉiuj virinoj. »

El « *Het Volksgeluk* » ALB. VAN DE KERCKHOVE.
Esperantigis C. A. CASSIERS.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**St. MARIABURG. — La Verda Flago.** — La 16an de Decembro okazis tre sukcesa, amikeca, publika festvespero kaj balo, partoprenita de la membroj kaj nombro da amikoj esperantistaj antverpenaj Boomaj kaj Lieraj. Per bona programo de muziko, sub la lerta direkto de S-ro Van Langendonck, deklamoj, monologoj, k. t. p. prezentitaj de S-ino Thiels, prezidantino, fraŭlinoj Van Kraey, Stal, S-ino Joosen, S-oj Poot, Van Gool, Rutten, Van Wesenbeeck, Br.er, kaj sub l'arta akompano fortepiana de fr-ino A. Van Gool, oni pasigis tre agrablan kaj plezuroplenan vesperon S-ino Thiels bonege deklamis por ni la vivecan kaj komikan « Sur ĉio flanko tri. » F-ino A. Van Kraey » En la mondon venis nova sento « kaj F-ino Stal. « La revivigo. » Speciala trio konsistanta el F-ino Van Gool (fortepiano), S-ro Peters (harmonio) kaj S-ro Remi Peters (violono) lerte prezentis elegantan muzikaĵon. Fine S oj Poot, Van Wesenbeeck kaj Dillen el Antverpeno sen kies bonkoraj kaj trafaj spiritaĵoj Esperantista kunveno ja ŝajnus nekompleta,en liaj sensimilaj manieroj ĝojigis la ĉeestantaron per kantadoj kaj rakontado pri liaj jusaj aventuroj pri « mia mallonga pantalono. » Fervora kantado de « l'Espero » finis bonegan kaj tre multe ĝuitan vesperon.

Ke la grupo ankaŭ havas kun si la simpation kaj subtenadon de la gazetaro montras la longa serio de vivoplenaj artikoloj pri Esperanto ĉiusemajne aperanta en la loka jurnalo de la laboro de Verdflagano fidela.

Joĉjo.

**ANTWERPEN. — La Verda Stelo. Invito.** — Sabaton, la 28an de decembro, je la *21a horo akurate* tiu grupo organizos en la festsalono de sia sidejo « La Barelo, » Pelikanstrato 14 (apud la Centra Stacidomo). Grandan Vesperfeston, konsistantan el koncerto kaj balo, dum kiu okazos konkursoj kun premioj. La komitato de « La Verda Stelo » havas la plezuron inviti ĉiujn samideanojn kaj ilian familion por ĉeesti tiun feston.

— La « Gazet van Antwerpen » 9-12-12 ; « Gazet van Mechelen » 13-12-12 ; « Concordia » 14-12 12 ; kaj « De Borgerhoutenaar » 21-12-12 ; presigis artikolojn pri Esperanto kaj Ruĝa Kruco, de nia amiko Arth. Vermandel ; korajn dankojn.

**BORGERHOUT.** — La grupo «*Laboro* » kiu jam havas kiel honoran prezidanton Sro De Smeth, skabeno de Publika instruado en Borgerhout, sciiĝis ke S-ro J. Bogaerts, komunuma sekretario, akceptis la honormembrecon de la grupo. Niajn sincerajn gratulojn al la agemaj Borgerhoutaj samideanoj.

**GENT.** — Kun ĝojo ni sciiĝis ke la Esperanto-Semajno-Kongreso, okazonta en la Ekspozicio te Gent, dum la proksimu aŭgusta monato, estas oficiala aprobita de la Belga Registaro. Ni bondizeras al tiu organizaĵo, grandan sukceson kaj ni incitas ĉiujn samideanojn enskribiĝi sin eble plej rapide kaj eble ple multnombre.

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — Tre vigle daŭradas la propagando dum la vintra sezono, Paroladoj okazis oktobre kaj novembre en Coventry, Norwood, Grange Oversands, Binglay, Bournemouth, Wakefield, Bath ; en la lastaj kvin urboj stariĝis grupoj kaj kursoj. S-ro Privat faris paroladon en la konata gejunula kolegio « Bedales » (Anglujo) kaj la lernantoj elpetis de l'estro permeson ke ili lernu Esperanton. Nu do, S-ro Privat donas ĉiusemajne 14 Esperantajn lecionojn al la gejunuloj kaj 2 al la geinstruistoj. Signo de progreso estas la fakto ke la « Lancet » plej grava medicina revuo en Londono publikigis en Septembro raporton pri la speciala kongreso de Esperantistaj kuracistaj kunvenoj kiuj okasis en Krakovo. Oni raportis inter aliaj ke speciala komitato, konsistanta el Prof. Jameson Johnston (paroladisto pri ĥirurgio en la Dublina universitato), d ro G. Johnston (Londono) kaj d-ro Rotschuh (Aachen) estis komisiitaj akiri la permeson ke Esperanto estu oficiale uzata inter la aliaj lingvoj en la venonta 17a Int. Kongreso Medicina en Londono. Plie eliris grava verko por la Britoj, nome tre fidinda vortaro, verkita de nia eminenta samideano (eksredaktoro de nia Brita Esperantisto) S-ro E. A Millidge. Krom tio ke li plene estas kompetenta li ankaŭ estas plej konscienca verkisto Zamenhofa ; lia verko estas grava helpo ĉe la progreso de l'Britoj, kaj ĝi certe helpos la unuformecan uzadon de la lingvo, t. e. oni ne plu senpripense uzos neviditajn novajn radikojn netaŭgajn, studinte lian vortaron. Ĉiu kiu nur iomete scias la anglan lingvon certe elĉerpos multan bonon. Ad. S.

**BAVARUJO. — Parkurbo Esperanto.** — En München (Germanujo) estas fondita nova societo, nomita « Propaganda Ligo Parkurbo Esperanto», kies celo estas konstruado de... Esperanta urbo. Tre riĉa Münchena bankiero, S-ro Schuler, donis, ja, al la Propaganda Ligo pli ol unu miliono da kvadrataj metroj da tero, je 13 kil. de München, ĉe la bordo, de la rivero Würm, kaj oni elpensis konstrui esperantan urbon, nomitan « Parkurbo Esperanto ».

Jam estis preparitaj desegnoj, planoj de teatro, lernejo, preĝejoj banejo, k.t.p. k.t.p. Estis interkonsentite, ke oni povos vendi terpecojn kaj domojn de la estonta urbo nur al Esperantistoj aŭ al familioj enhavantaj almenaŭ unu Esperantiston.

Por ĉiuj sciigoj oni sin turnu al la Propaganda Ligo « Parkurbo Esperanto », Pfandhausstrasse 8, München (Germanujo). Cetere, niaj legantoj trovos pli detalajn sciigojn en la prospekto aldonita al tiu ĉi numero.

**FRANCUJO. — La Franca Registaro kaj Esperanto.** — La 24an de lasta Novembro okazis, kun granda sukceso, en Parizo, ĉe la Sorbono, la disdonado de la premioj de la ĝeneralaj konkursoj de Esperantista Grupo.

Grava fakto estis, ke ĝin prezidis S-ro Profesoro Charles Moureau, Membro de la Instituta kaj de la Medicina Akademio, kiel oficiala riprezentanto de la Publika Instruado.

El lia parolo ni ĉerpas la jenon :

« ... Mi, sciencisto, deziras ke Esperanto disvastiĝu ĉe la kleruloj, la sciencaj medioj kaj la sciencaj revuoj, kaj estu pli kaj pli uzata en la internaciaj kongresoj. ».

Poste, li sciigis, ke la Ministro ordenis niajn samideanojn G. Chavet kaj Burlotte « Akademiaj Oficiroj » kaj li transdonis al ili la insignojn.

# Saluto al Krakow.

Krakòw, ĉarma, pola loko elektata,
Por nia hodiaŭa, frata festeno,
O! treege mi dankas vin, kortuŝata,
Por via belega solena bonveno.

En plena, nobla, potenca majesteco
Sin eklevas, la fiera Vavelo
Atestanto de iama Pola grandeco
Kun siaj turoj, kaj belega Kastelo.

La kripto de la Sankta Ĉefpreĝejo
Kie, pace dormas Kazmierz la granda,
Flanke la Vistulfluo, en kies ondejo
Dronis glorinde, la heroino Vanda.

Ne forgesu, la legendon de la drako
Kiun Krakus la brava heroe mortigas
Kaj rigardadu, la monteton Kosciuszko
Kies kuraĝecon ĝi rememorigas.

En la Universitato fama, Jagiella,
Instruis la granda, saĝa astronomo
Ke ter'turniĝas ĉirkaŭ la sun' hela
Mikolaj Kopernikus estas lia nomo

La oka internacia kongreso
En niaj historiaj muroj okazas ;
Certe, vere granda estas la sukceso ;
Senfinan ĝojon ĝi al ni kaŭzas

El la libera, malproksima Belgujo.
Plej varmegajn salutojn, mi al vi portas,
Kvankam mia dua amata patrujo
Mi, mian karan Polan ankoraŭ pli ŝatas.

Kun fiereco, en nia Pola urbo.
Plantas ni ĝoje Esperantan standardon
Kaj radikos firme potenca la arbo ;
Ĉiam portos triumfe ĝi freŝan verdon.

Unu celo kara, pola frato mia
Nedisigebla nin, unuigas kune
La logika, bela lingvo, internacia
Netuŝebla, rokfirme, staras ĝi nune.

Maks. Horowitz.

(El Kongreso Gazeto de la Oka).

# BIBLIOGRAFIO

**H. C. Mees.** *La kaŭzo de la senlaboreco.* — Universala Esperantia Librejo, rue de la Bourse, Genève. — Prezo Sm. 0.60.

**Esperantia Biblioteko.** *Oficiala Dokumentaro de la 3a Kongreso de U.E.A. en Krakovo 1912.* — Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. — Prezo Sm. 1.—

Tiu 112-paĝa broŝuro, en Mona formato, enhavas la raportojn, protokolojn, programon, kongresajn deziresprimojn, kaj partoprenintaron de la tria kongreso de U. E. A.

**Edmond Privat.** *Karlo. Rakonto en dudek ĉapitroj.* — Universala Esperantia Librejo. 10, rue de la Bourse, Genève. — Prezo Sm. 0.20.

La bonstila enhavo kaj la malalta prezo de tiu — por pliperfektiĝa kurso tre uzebla — libreto, igas ĉian rekomendon superflua kaj senutila. Cetere la du vortoj *Dekdua Milo*, presitaj sur tia nova eldono, estas pli elokventaj ol multaj paroloj da rekomendo.

**Edmond Privat.** — *Historio de la Lingvo Esperanto.* Unua parto 1887-1900. — Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genêve. — Prezo Sm. 0,50. —

Krom la *Historio de Esperanto* de *Dro Fischer*, kaj la iom pli amplekso *Historio de Esperanto* de *So A Zakrzewski*, ni havas nun la unuan parton de la Historio de nia lingvo, verkitan de nia lerta samideano, Edm. Privat, privatdocento en la Ĝeneva Universitato. Pli ol la du aliajn historiajn verkojn mi ŝatas tiun de Privat, pro la metode kiun li uzis en sia verko. La libro estas tre leginda kaj ĝuebla ; ĝi bone konkretigas la diversajn periodojn kaj iliajn okazintaĵojn, faktojn kaj nomojn ; ĝi estas kvazaŭ legolibro agrabla kaj instruanta. Ni kore gratulas nian samideanon kaj amikon Privat, kaj ni atendas kun ĝoja senpacienco la aperon de la dua parto.

**Joseph Serre.** *La Hipotezoj pri Lourdes.* Nova kompreno pri la Miraklo kaj la Naturo. Esperantigis Gesinjoroj Ranfaing-Zabilon d'Her. — Paris. Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède. — Prezo : Sm. 0,30.

41-paĝa broŝuro en kiu oni provas science pruvi la eblecon de miraklo kaj eksternatura inteligenta kaŭzo.

**Th. Cart kaj Em. Robert.** *Plena klasika libro de Esperanto.* (Oficialoj Dokumentoj, oficiala Gramatiko, oficiala radikaro, kun franca, angla kaj germana tradukoj). — Paris, Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède. — Prezo : Sm. 0.400.

Poŝetformata libreto, enhavanta en 155 paĝoj ĉiujn radikojn el la Fundamento kaj Universala Vortaro (dikaj literoj) kaj el la Oficiala Aldono (klinitaj literoj). Tre utila por verkistoj, tradukistoj kaj lernantoj. La libreto estas zorge presita kaj elegante per verda tolaĵo bindita.

**T. C. Ŝevĉenko.** *Katerino.* Malgrandrusa poemo. Tradukis V. N. Devjatnin. — Paris. Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède. — Prezo ; Sm 0,10.

Tre interesa, bona ritme kaj rime tradukita versaĵo. Dank'al la konata verkisto Devjatnin, ni posedas esperante, verkon el fremdlingva literaturo kiu estas malbone konata de la plejmulto de eŭropanoj.

**Lermontov**: *Novaj Versaĵoj*. Tradukis, el rusa lingvo, Bela Manto. — Paris. Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède. Prezo ne montrita.

Belaj ideoj, bonege tradukitaj de Bela Manto. La legado de tiuj versaĵo estas agrabla ĉar la stilo esperanta estas natura, neniel premita. Oni legu nur la sekvantan poeziaĵon, unu el la perloj dissemitaj en tiu libro.

PREĜO

En vea malfacila hor'
Se premas sin anim'
Al Dio kun humila kor'
Mi preĝas kun estim'.

Sin trovas saniganta fort'
En sankta preĝ- al Di'
Kaj spiras en la kanta vort'
Mirinda harmoni.

Plu dubojn ne memoras mi,
Sopiro iras for',
Kaj preĝas mi, kaj ploras mi
Kaj ĝojas, ĝojas kor'.

**Oda Bujwid**. *La apliko de radioj ultraviolaj al sterilizo de l'akvo*. Krakovo 1912. Presejo de W. Poturalski en Podgorze-Krakow.

—La konata profesoro de la Jagelona Universitato en Krakow,priparolas en tiu broŝureto la eblecon sterilizi la trinkakvon kaj purigi la riverakvojn de la grandaj urboj.

**Esperanta Biblioteko Internacia**. Eldonas Ader kaj Borel, Dresden A-1. — Prezo Sm 0.100, ĉiu numero.

La nº 23, HISPANAJ DRAMOJ de *Jacinto Benavente*, tradukitaj de *Vincente Inglada*, kaj la nº 24. **La Instituto Milner** de *Jean Jullien*, tradukita de la *Lyonaj grupanoj*, aperis.

La riĉenhavaj, bonstilaj kaj malaltprezaj volumoj de tiu rekomendinda biblioteko estas sufiĉe konataj por ke ni povu kontentigi nin per simpla anonco de apero de la novaj numeroj.

**Le Clément de Saint Marcq**. *Resumo de la kurso pri teologio*. Tradukis A. Stas ; Appelmansstraat, 26, Antwerpen. — Prezo : Sm. 0.100.

**M. Mendes & C. Fernandes**. *Curso elementar de Esperanto*. Rio de Janeiro, S. José, rua S. José 29 & 31. — Prezo : Sm. 1.000.

— Tiu metodo, speciale verkita por jumuloj kaj por personoj sciantaj nur unu lingvon, ŝajnas tre praktika. En 28 lecionoj la diversaj reguloj de nia kara lingvo estas tre bone klarigitaj, kun atentigaj notoj por portugal-lingvon parolantaj personoj.

**Dr med. Breiger**. *La artefarita « altmontarsun » bano*. Nova kuracmetodo. — Ader & Borel. Dresden A-1. Struvestrasse 40. — Prezo : Sm. 0.200. — Post kelkaj historiaj notoj pri la sanigaj ecoj de la lumo natura kaj artefarita, Doktoro Breiger, klarigas la kuracantajn ecojn de la ultra violeta lumo de la kvarclampo kiuj estas samvaloraj de la altmontarsunbano en la kuracado de malsanoj de la haŭto, de malbona asimilo kaj ankaŭ en ĥirurgiaj malsanoj.

**Esperanto, Lingua Internazionale.** Cooperativa Esperantista Italiana. Genova, Salita Pollaiuoli 13-4. — Prezo: Sm. 0.040.

Bona propaganda broŝuro por Italoj. Krom la regulojn de nia lingvo ordigitajn en 10 lecionoj, tiu libreto enhavas noteton pri Esperanto kaj ĝia disvastiĝo kaj pri la Kongresoj, tradukajn ekzercojn, tabelon de la pronomoj, la himnon Espero kaj fine vortareton praktikan esperanto-italan.

**Dott. A. Stromboli.** Manuale completo per lo studio della lingva internazionale ausiliaria Esperanto. — Cooperativa Esperantista Italiana. Genova, Salita Pollaiuoli 13-4. — Prezo: Sm. 0.400.

— Jen vere plena lernolibro, kiel oni devus havi ĝin ne nur por italparolantoj sed ankaŭ por ĉiuj aliaj lingvanoj, kaj precipe ĉar dank'al la Cooperativa esperantista italiana oni povas liveri lernolibron de 300 paĝoj por 1 Lira, 0.400 Sm.

La enhavo estas la sekvanta: L'esperanto kaj la problemo de helplingvo internacia; neceseco de lingvo internacia; *lingvoj naciaj kaj internaciaj; artefarita lingvo internacia;* projektoj de lingvo artefarita; kondiĉoj por lingvo internacia. Esperanto; Opinioj pri Esperanto; konstruado de Esperanto. — Historio de l'esperanto. Fundamentaj reguloj de Esperanto — Dek lecionoj kun plenaj klarigoj, ekzemploj kaj ekzercoj. — Elekto de bonaj prozaĵoj kaj versaĵoj — Konversaciaj frazoj. — Komerca korespondado — Vortaro esperanto-itala kaj itala esperanto.

Al la lerta samideano Doktoro Stromboli, niajn sincerajn gratulojn.

**Esperanta kolekto Danubo** *n° 3. Aveits Aharonjan. La Patrinoj.* Esperantigis D-ro Andreo Fiŝer. — Bucuresti, 14, strato Belvedere, Editura Esperanto. — Prezo Sm. 0.100.

— El armena lingvo (literaturo malmulte konata de eŭropanoj) nia lerta kaj laborema amiko D-ro Fiŝer el Tiflis, tradukis unu el tiuj rakonto) el la vivo de la subpremita armena popolo; malfeliĉo kaj malĝojo kaj naskiĝanta sento de liberigo de la nacieco, trasonas tiujn korplenajn vivitajn liniojn.

**Los Angeles, (Kalifornio).** *La urbo kaj la graflando.* Eldonis la Komerca Ĉambro de Los Angeles, Kalifornio, Usono.

Bele presita, 62-paĝa propaganda broŝuro pri Los Angeles — 26 belaj kliŝaĵoj ornamas tiun libreton kiu enhavas multnombrajn detalojn pri la vivcirkonstancoj en tiu nova « Eldorado ». La broŝuro kaj ĉiaj pluaj detaloj estas senpage haveblaj ĉe la Komerca Ĉambro de Los Angeles, kiu sendis tra Eŭropo la konatan esperantistan propagandiston S-on Parrish.

**John Merchant.** *Tri Angloj, alilande.* Romano originale verkita en esperanto — Ĉe La Espero, Lynette Avenue, Clapham Common, London S. W. — Prezo: Sm. 0.500.

Legu tium romanon: ĝi estas ja tre originale verkita kaj preskaŭ sur ĉiu paĝo vi trovos tre spiritajn kaj tre spritajn rimarkojn kaj esprimojn. Kaj kiel en ĉiu romano kiu respektas sin, ankaŭ tie-ĉi la romano finiĝas per fianĉiĝo de la tri angloj.

Tutmonda Jarlibro Esperantista 1912. (korektita ĝis la 1e de Julio 1912) — Paris. Centra Esperantista Oficejo, 51 rue de clichy. Prezo: Sm 1.

225-paĝa, grandformata volumo. Enhavas dokumentojn pri la Lingva Komitato, la Akademio, la konstanta komitato de la kongresoj, la Centra Oficejo, la Oficiala Gazeto, la Internacia Societo de Amikoj de Esperanto, la liston de la Internaciaj Fakaj Asocioj kaj institucioj, la liston de la regionaj propagandaj asocioj, la liston de la esperantaj gazetoj kaj fine liston de personoj kiuj deziras korespondadi.

**E. Grosjean-Maupin** Dictionnaire complet Français-Esperanto, Paris. Hachette & Cie. — Prezo : Sm. 2,400.

Ni raportos baldaŭ pri tiu nova franca-esperanta vortaro kiu enhavas pli ol 630 paĝoj da teksto malgranda sed tre legeble presita, La formato, la papero, la presado kaj la bindaĵo igas tun libron tre praktika. Pri la enhavo ni ne povas raporti nune ĉar ni ne havis sufiĉe tempon por detale ekzameni ĉu la principoj kiujn la aŭtoro formulas en sia antaŭparolo, estas sekvitaj.

*Ilustritaj esperantistaj Poŝtkartoj*. La firmo Oskar Ziegler, Bopserstrasse, 8[III] Stuttgart eldonis serion da 6 poŝtkartoj, riprezentantaj virinajn mienojn kaj aĉeteblaj po Sm. 0.250 la serio da 6 poŝtkartoj, laŭ desegnaĵoj de Breuer.

**Das Esperanto ein Kulturfaktor.** Festschrift anlässlich des 7 deutschen Esperanto-Kongresses, Danzig-Zoppot, vom 27 Juli bis 1 August 1912. — Ader & Borel, Struvestrasse 40, Dresden A-1. – Prezo : Sm. 1.000.

Bela, ducentpaĝa, grandformata libro, enhavanta artikolojn rilatantajn Esperanton laŭ diversaj vidpunktoj. La plej eminentaj germanaj propagandistoj kunlaboris por tiu verko kiu enhavas tiom da bonaj ideoj kaj bone pristuditaj subjektoj. Tiu libro estas necesa al ĉiu germanparolanta samideano sed ankaŭ la aliaj povas trovi utilajn scîgojn en ĝi, ĉar sep el la tridek ĉapitroj estas esperante verkitaj.

**Politika Malliberulo.** Unutagaĵo dediĉita al la afero de politikaj malliberuloj en rusa regno kun speciala konsidero « la Katorgon ». — Eldonanto D-ro Zygmunt Marek, Strato Wislna, 8, II. e. Krakovo. – Prezo : Sm. 0,250.

Broŝuro enhavanta en dek ĉapitroj protestajn artikolojn kontraŭ la venĝonkriantaj suferoj kiujn la rusa registaro suferigas al la politikaj malliberuloj. O. V. S.

---

## Nekrologio.

Antaŭ kelkaj tagoj la morto trafis la patrinon de nia samideano S° Joseph PIRNAY el Verviers. Ni prezentas al li niajn tutkorajn sentojn de kompato.

---

Ni sciiĝis pri la morto de Fraŭlino Germaine NOTTE, membro de la Esperantista Grupo de Charleroi. La senkompata morto ŝin forrabis en la floro de l'aĝo. Ŝi havis apenaŭ 21 jarojn. Al la doloranta familio B. E. prezentas siajn sincerajn kondolencojn.

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Por la verkistoj.**

Ni memorigas al la esperantistaj verkistoj la jenan regularon pri verko recompencotaj de la Akademio, aprobitan de la Lingvo Komitato :

1) La Akademio recompencas ĉiujare kelkajn verkojn rimarkindajn laŭ stila rilato.

2) La nombro de la kronitaj verkoj ne superos kvin.

3) Oni rajtas prezenti por la rekompencoj tradukojn. sed origiralajoj estos preferataj de la Akademio.

4) La prezentataj verkoj devas esti publikigitaj en la lasta jardeko.

5) Nur libroj, kiaj ajn estas ilia amplekso, aparte eldonitaj, sekve, nek gazetaj artikoloj, nek manuskriptoj, estas prezenteblaj.

6) Verkoj de Akademianoj ne estas rekompenceblaj.

7) La rajto de prezento estas rezervita al la membroj de la Lingva Komitato, kiuj rajtas proponi ĉiu po du verkoj, kun konsento de la aŭtoroj.

8) La proponoj, montrante tre klare kaj precize la titolon de la unua apero, devas esti sendataj al la Centra Oficejo antaŭ la 1-a de Marto. Se la verko estas malfacile akirebla, bone estos sendi unu ekzempleron de la verko.

9) Akademia komisio elektos, post la legado de ĉiuj proponitaj verkoj, la dek plej bonajn.

10) La plena Akademio, post raporto de la Komisio, elektos la rekompencotajn.

**Redakciaj Respondoj**. — *S-ro Mainfroia, Amay*. — Dankon pro la sendo de la ĵurnalo, ni mencias la aluditan artikolon sub nia rubriko « Diversaj informoj ».

**Alvoko !** — Por disvastigi ESPERANTON inter la diversaj abstinentuloj kaj vivreformuloj per helpo de la diversaj bontemplanaj asocioj kaj aliaj unuiĝoj kiuj agadas laŭ konformaj celoj kreis S-ro G. Brockhof, Bomlitj, Hannover, Germanuj. (Membro de la granda Int. Ordeno de la Bontemplanoj) novan gazeton : «La INTERNACIA ABSTINENTA OBSERVANTO» jara abono-1.50 Sm. Ni sincere petas ĉiujn samideanojn ke ili bonvolu atentigi kaj instigi tiajn personojn, asociojn, unuiĝojn ktp. kun konformaj celoj, ke ili abonos la gazeton aŭ postulas kondiĉojn por varbuloj kaj per antoj de la eldonejo. Al la demandoj oni devos aldoni respondkuponon.

**En la Ruĝa Kruco**. — En multaj ĵurnaloj en Belgujo aperis la jena artikoleto :

« Inter la kuraĝplenaj flegistoj kaj flegistinoj, kiuj alvenis al la batalkampo « por plidolĉigi la dolorojn de la malfeliĉaj viktimoj de la Balkanaj buĉadoj, « estas kelkaj, sciante eĉ duonan dekduon da lingvoj, kiuj ne povas kompreni « la parolojn de tiuj kiujn ili prizorgas.

« Kiam do la homo fine forjetos, ni povas tion diri, tiun kulpan indi- « ferentecon kontraŭ Esperanto, prave nomita la necesa helpilo por ĉiuj « internaciaj aferoj ; tiu mirinda kaj simpla lingvo, kiu, nun en la Balkanaj « regionoj povus fari tiom da servoj. Ni aldonu ke en Francujo la studado « de Esperanto estas deviga en la sekcioj de la Ruĝa Kruco. Ĉu oni ne « povus imiti tiun ekzemplon ĉe ni kaj ĉiulande ?

---

# Kion Patrino povas suferi

DE

## Hendrik Conscience

*(El Flandra lingvo tradukis Frans Schoofs)*

« Jen, vidu kiel li piedfrapas, kiel li tordas siajn kubutojn kontraŭ sia korpo. Sendube, Adela, li estas malfeliĉulo. »

« Eble, Annah ; Dio scias ĉu tio ne nur fariĝas pro kolero. »

« Ne, Adela, mi tro bone konas ĉi tion. La esprimo de la vera malfeliĉo portas ĉiam rekoneblan signon. Ĝi altiras al si la sentemajn korojn kaj havigas dolĉan emocion de kompato ; la malboneco kaj kolero male forpuŝas la vidanton. Mi ne trompis min, kara, tiu laboristo estas viktimo de la longa vintro. Vidu, liaj vestajoj estas ne malordaj, ne disŝiritaj : ni iru ĉe lin ; mi ja kuraĝas demandi al li la kaŭzon de lia ĉagreno.»

La du fraŭlinoj reiris al la viro ; sed kiam ili alproksimiĝis lin, li jus estis alparolata de alia persono, kiu, kiel li, ŝajnis aparteni al la laboristaro, kaj donis al li frapon sur lian ŝultron, dirante :

« Sus, kion vi diras pri la vetereto ? Malvarma ĉu ne ? Venu, ĉu vi kuniros ? Mi regalas per glaseto. »

La malĝoja laboristo forte ektiris sian ŝultron el sub la mano, kiu lin tuŝis, sed ne respondis. La alia, pro tio mirigita, rigardis lin en la vizaĝo, kaj rimarkis kiel sovaĝe liaj okuloj brilis en lia kapo.

« Nu, Sus, » li ekkriis, « kio okazas, amiko ? »

La respondo ne tuj sekvis la demandon. La fraŭlinoj havis la tempon por iom pli multe alproksimiĝi kaj por pli bone aŭdi tion, kion diros tiu, kiun ili opiniis malfeliĉa.

Malsonora voĉo, kiu estis interrompita de longaj spiradoj kaj konigis grandan maltrankviliĝon, fine diris :

« Aŭdu, Geert, vi parolis al mi pri glaseto. ĉu ne ? Sed mi pli volonte mortus ol trinki brandon : amiko, se vi scius kiun ĉagrenon mi havas... »

Tiuj vortoj estis elparolataj tiel malĝoje, ke Geert sin sentis tute emociita, kaj forlasis sian senĝenan parolmanier-

on por diri pli seriozajn vortojn ; li prenis la manon de sia malfeliĉa kamarado kaj demandis, preskaŭ kun larmoj en la okuloj :

« Sus, mia amiko, kio okazas ? Vi aspektas kvazaŭ vi estus mortonta. Ĉu Trees mortis ? »

« Ne, ne tio estas, Geert. Sed, aŭdu, al vi nu mi ĝin diros, vi ja estas nia amiko. Vi scias, ĉu ne,Geert? Mi neniam estis tro maldiligenta por serĉi mian panon, kaj mi povis, Dio estu laŭdata, ĝin gajni ĝis nun ; sed nun, - nun estas finite... Mia Trees, la bona virino, ho ve : de du tagoj ŝi neniom manĝis ; nia Janneken kuntordiĝas pro malsato ; kaj mia infaneto, nia Mieken, ŝi nun estas eble mortinta... la mamoj de ŝia patrino estas malsekiĝintaj pro malvarmo kaj bezono. Ho, Geert, kiam mi pri ĉio tio pensas, mi povus memmortigi min. Ĉu vi povus almozpeti, Geert ? »

« Almozpeti ? Ne, certe ne : mi havas manojn ĉe mia korpo?»

« Nu, mi ankaŭ. Sed tamen nia mizero atingis tiun gradon, ke ni ĉion vendis, krom nian mitulujon, kiu estas tie. Ni tiel ŝparis, Geert, por ĝin aĉeti, kaj ni tiel longtempe manĝis acidan panon pro ĝi : sed se Dio ĝin tamen tiel volas, — estu tiel. Ke nur la aŭkcivendisto baldaŭ alvenu ĉi tie, por ke mi povu alporti panon al mia edzino kaj miaj infanoj. »

« Jen li estas ! Diru, Sus, ĉu vi ankoraŭ ĉiam loĝas en la Butikstrato ? »

« Jes. »

La vendisto venis je tiu momento kun sia seĝo apud la loko, kie la malfeliĉa laboristo staris, kaj li laŭte kriis :

« Aĉetantoj, alproksimiĝu : Aĉetantoj de mitulujoj, alproksimiĝu »

Rideto aperis sur la vizaĝo de la laboristo.

La fraŭlinoj mallaŭte parolis pri io, kio ŝajnis ilin plezurigi.

La vendisto ree kriis :

« Tridek frankojn mi proponas por tiu mitulujo : Tridek frankojn ! — Dudek kvin ! Ĝi estas kvazaŭ nova, estas senpage. — Dudek frankojn ! ».

Unu el la fraŭlinoj faris signon per la kapo, kaj la vendisto daŭrigis :

« Dudek frankojn, unu aĉetanto, dudek frankojn, neniu plu ?»

Aliaj burĝoj ankaŭ marĉandis la veturileton ; sed la fraŭlino ĉiam plialtigis la prezon. La vendisto turnis sin de unu al la alia por atenti pri la signoj de la marĉandantoj :

« Dudek unu frankojn ! »

« Dudekdu. »

« Dudek tri. »

« Dudek kvar. »

« Dudek kvin. »

« Dudek sep. — Dudeksep frankojn. — Neniu, neniu ? Neniu plu ? Feliĉon : fartu bone kun ĝi. »

Ĉar la fraŭlino ion diris al la helpanto de l'vendisto, tiu ĉi turnis sin al sia loĝejo kaj tre laŭte kriis :

« Estas pagata ! »

La laboristo estis jam en la domo de la vendisto kaj ĵetinte malgajan rigardon al la mitulujo li intencis kuri al sia loĝejo kun la mono, kiun oni estis al li doninta, kiam li estis alparolata de unu el la fraŭlinoj.

« Bona homo, ĉi vi volas iom gajni ? »

La laboristo iom pripensis kaj demandis :

« Kion vi deziras, fraŭlino ? »

« Ni tre ŝatus ke oni hejmen veturigu tiun mitulujon. »

« Mi tre bedaŭras fraŭlino, ke mi tion ne povas fari : mi havas tre urĝan komision »

Annah, kiu estis tre homama kaj pro tio pli bone ol ŝia amikino komprenis la malriĉulojn, rapide diris al la laboristo, kiu estis preta por ekforiri :

« En la Butikstrato ni devas esti. »

« Tiam mi faros ĝin, fraŭlino ; ĉar mi ĵus iras laŭ tiu direkto. »

Li prenis la mitulujon, fortiris ĝin el ĉiuj objektoj, kiuj kuŝis dissemitaj sur la tero, kaj sekvis la du fraŭlinojn, kiuj foriris sufiĉe rapide. Maldolĉa kordoloro premis lian bruston, kiam li nun devis antaŭenpuŝi por aliaj sian propran veturileton : sed la certeco, ke li baldaŭ per la akirita mono ankaŭ povos sekigi la larmojn de sia kara edzino, miksis dolĉan konsolon en lian malĝojon. Kun bedaŭro li ricevis de la fraŭlinoj ordonon por halti antaŭ butiko.Tamen ne daŭris longe, kaj li tuj povis ree daŭrigi la vojon, la fraŭlinoj estis en la butiko nur dum kelkaj momentoj kaj oni ĵetis sur la veturileton : sakon da terpomoj, du aŭ tri panojn kaj kelkajn pecojn da ligno, kaj Annah mem zorge metis teran kruĉon kontraŭ la sakon.

Alveninte en la Butikstrato, la viro demandis kien ili volas veturigi la mutulujon.

Kun intenco Annah respondis :

« Daŭrigu nur, estas pli malproksime. »

Malgraŭ tiu ordono li haltis antaŭ malgranda pordo, kiun Annah rekonis, kiel la saman, en kiun ŝi matene volis eniri. La viro deprenis sian ĉapon kaj ĝentile petis ;

« Fraŭlinoj, mi petas vin, lasu min tien ĉi eniri unu momenton ? »

Tiun permeson ricevinte, li puŝis la pordon kaj eniris ; sed la fraŭlinoj lin sekvis tuj kaj penetris kun li en la ĉambron.

Malvarma tremetado skuis Annah kaj ŝian amikinon. La spektaklo kiu sin tie prezentis antaŭ iliaj okuloj estis treruriga kaj kvazaŭmorta. La juna virino, kiu estis sidinta apud la lito, kuŝis sensenta sur la ŝtono, kun flavaj vangoj, fermitaj okuloj, bluaj lipoj kaj ŝia kapo malantaŭen pendanta sur la litrando, kvazaŭ la vivo estis forlasinta ŝin. La knabeto estis kaptinta la malfortan brakon de sia patrino, kaj kriis je la momento, kiam eniris lia patro kaj la du fraŭlinoj :

« Panjo kara, mi malsatas, — peceton da pano ? peceton da pano ! »

La viro,neatentante la ĉeeston de Adela kaj ŝia amikino,antaŭen saltis al la virino, malespere alvokis ŝin, eltiris la harojn el sia kapo kaj eligis nur sensekvajn vortojn.

« Trees ! li ploregante kriis. » Heo, kara Trees... malfeliĉa virino ! Dio, Sinjoro, ĉu estas eble ! Mortinta... mortinta pro malsato kaj malvarmo ? Ĉu ni tion meritis sur la mondo ? »

Ĉe tiuj ĉi ekkrioj li frapis sian manon sur la tablon kaj ekkaptis tranĉilon ; sed Annah, kiu, kun terurkrio, estis rimarkinta la geston, saltis ĉe lian kolon kaj forte eltiris la mortigan ilon el lia mano.

« Via bona edzino ne estas mortinta ! » ŝi kriis. « Jen, rapide kuru kaj aĉetu vinon en iu aŭ alia butiko. »

Ŝi donis moneron kaj montris al li la pordon.

Li rapidis el la ĉambro kaj malaperis kiel sago.

Annah prenis la malfeliĉegan patrinon en sia brako. Ŝia atlasa mantelo kaj velura ĉapelo ĉifiĝis kontraŭ la malbonaj vestaĵoj de de la mizerulino : sed la bonkora fraŭlino ne atentis pri tio kaj agis kvazaŭ ŝi estus flegonta fratinon. Kaj efektive, en sia homamo, ŝi laŭ la ordono de la dia Jesuo, konsideris tiun agoniantan virinon kiel sian fratinon. — Preninte oranĝon el sia poŝo, ŝi premis la sukon sur la bluajn lipojn de l'virino kaj fervore frotis ŝiajn manojn en la siaj. Ŝi eligis ĝojkrion, kiam ŝi vidis ke la okuloj de la patrino malfermiĝis.

Dum tiu tempo, Adela ne kontentigis sin, rigardante tiun scenon de malsato kaj mizero ; ĉar ŝi estis aŭdinta la ekkrion de la malgranda knabo, si rapidis al la mitulujo, kaj enportiŝ la ŝtonan kruĉon kun pano, dum ŝi ĵetigis de la knabo kelkajn lignerojn sur la fajron.

Tuj kiam Janneken estis vidinta la panon,liaj okuloj ne plu deturniĝis de ĝi, kaj li ree petis por buterpano. Adela, kiu matene montris ankoraŭ tiom da abomeno kontraŭ la malriĉuloj, estis tiel emociita vidante tian akran suferon, ke ŝi mem prenis la tranĉilon de la tablo, kaj metis la panon kontraŭ sian bruston kaj belajn vestaĵojn por tranĉi por la knabo buterpanon kiun li tiom deziregis.

« Jen, mia infano, » ŝi diris, « bone manĝu. Vi ne plu malsatos ».

Janneken prenis la buterpanon kun ĝojo, kisis sian manon pro dankemo, kaj rigardis Adela kun tiel dolĉaj rigardoj, ke ŝi devis sin returni por kaŝi siajn larmojn de emocio.

Samtempe la patrino estis malferminta siajn okulojn, kaj direktis ilin kun feliĉego al sia manĝanta infano. Eble ŝi estis dankonta sian bonfarantinon per vortoj, sed la veno de ŝia edzo tion malhelpis. Li, revidante, kontraŭ sia atento, sian edzinon vivanta, rapide metis botelon sur la tablon, antaŭen saltis, jetis sin pro ĝojo ploregante al ŝian kolon kaj, kvazaŭ

sensenca kisis ŝin multfoje ; li tenis ŝin en siaj brakoj, kvazaŭ li timus ke li ankoraŭ povus ŝin perdi, kaj senĉese kriis :

« Kara Trees, ĉu vi ankoraŭ vivas, mia bone edzino ?.... tiam estas nenio. Mi havas monon de nia mitulujo : Nun ni manĝos. Estu trankvila. Ho Dio, vidu, en mia malfeliĉo mi estas tamen tiel ĝoja kiel anĝelo!.. Jes, Trees, ĉar mi certe pensis, ke mi neniam plu estus revidonta vin sur la tero ! »

Annah alproksimiĝis kun taso da vino kaj tenis ĝin ĉe la lipoj de la malforta virino. Dum ĉi tiu englutis la fortigan trinkaĵon, la viro mire rigardis Annah kaj ŝian amikinon, kiu iom pli malproksime staris kun Janneken apud la fajro, kaj antaŭentenis liajn du manetojn, dirante :

« Varmigu viajn manojn, mia knabeto, kaj rapide manĝu vian buterpanon ; mi donos ankoraŭ alian al vi ».

La laboristo ŝajnis vekiĝi el revo ; estis kvazaŭ li nur nun rimarkis la ĉeeston de la fraŭlinoj.

« Fraŭlinoj, » li balbutis, « pardonu al mi ke mi ne jam dankis vin pro la helpo, kiun vi alportis al mia malfeliĉa edzino. Vi ja estas bonaj, volante veni en loĝejon de malriĉuloj, kaj mi vin dankas milfoje ! »

« Bonaj homoj, » respondis Annah, plilaŭtigante sian voĉon, «ni scias kian malsaton kaj malvarmon vi suferis, kaj kian doloron vi havus, se vi devus almozpeti vian panon, ĉar vi pli ŝatas kiel honestaj laboristaj, gajni vian bezonaĵon per via ŝvito. Tia sento meritas rekompencon. Vi ne plu suferos mizeron ! »

Ŝi ĵetis manplenon da mono sur la tablon kaj daŭrigis :

« Jen estas mono ; ĉe via pordo estas terpomoj, ligno kaj pano. Ĉio tio ĉi apartenas al vi. Pri la mitulujo, ĉi tiu ne estas vendita ; uzu ĝin por gajni vian ĉiutagan panon, vivu ĉiam virte, ne almozpetu ; sed se la malsato kaj la malvarmo ree ataknus vin, sur jena bileto estas mia nomo kaj adreso, kaj mi estos via protektantino kaj amikino. »

Dum Annah parolis, oni aŭdis neniun sopiron en la ĉambro, tiel silenta estis ĉio : sed larmfluo ŝpruĉis el la okuloj de la laboristo kaj el tiuj de lia edzino. Li ne plu povis paroli unu vorton ; li nur laŭvice rigardis la fraŭlinojn kun mirego, kiu sufiĉe montris, ke li ne povis kredi kion li aŭdis. Kiam Annah finis paroli, la kortuŝita patrino lasis sin de la ŝtono teren ŝovi, kaj plorante, rampante sur siaj genuoj, ŝi prenis la manon de Annah, kaj verŝante larmojn sur ĝin, ŝi kriis :

« Ho, fraŭlinoj, vi mortos feliĉegan morton ! Dio vin rekompencos pro tio, ke vi venis en nian domon kiel gardanĝeloj kaj ke vi savis min de la morto ! »

« Ĉu vi estas nun kontenta, patrino ? » demandis Annah.

« Ho, jes, bona fraŭlino, nun ni estas feliĉaj... vidu jen nian Janneken dancantan apud la fajro, ho ! Kaj se la senkulpa estulineto, kiu tie kuŝas mortanta, povus paroli, fraŭlino, ŝi ankaŭ eble benus kaj dankus vin. »

Je tiuj vortoj, Annah kuris ĉe la malsanan infanon, kaj supozante ke pro malsato ŝi ankaŭ estis apud la tombo, ŝi faris signon al Adela por foriri ; ĉi tiu, kiu plezuriĝis pro la ĝojo de la knabeto, levis la kapon, kisis lin sur la vangon kaj tiam venis ĉe sian amikinon. Annah, sin turninte al la pordo, diris dum ŝi foriris :

« Estu trankvile, bravaj homoj ; post duono da horo kuracisto staros apud la lito de via infano ; kaj mi ne dubas, patrino, ke vi vidos ŝin ankoraŭ iĝinta virino. »

Rideto de vera feliĉego brilis samtempe sur la trajtoj de la virino kaj de la laboristo.

Ili ambaŭ kuris al la pordo, kaj serio da benoj kaj dankaj paroloj rulis de iliaj lipoj, ĝis kiam ili ne plu vidis la du fraŭlinojn.

Nek Annah nek Adela estis parolintaj unu vorton, kiam ili alvenis sur la Bovvendeja Placo ; ilia koro estis troplena, iliaj animoj trotuŝitaj por permesi al ili esprimi sian emocion per la lingvo.

« Nu », fine diris Annah, « diru al mi, Adela, ĉu vi trovas tiujn malriĉulojn malpuraj kaj naŭzigaj, kiel ni ordinare pri ili opinias ? »

« Ho, ne, » respondis Adela, « mi estas tiel ĝoja, ke mi renkontis vin ! Nun ŝajnas al mi ke io sankta levis min, kaj mi sentas koremocion, kiu estis nekonata de mi. Min ne plu timigas mizeroj ; ĉu vi ne vidis ke mi prenis tiun knabeton sur miajn genuojn kaj lin kisis ? Kiu beleta kaj sprita infano ! Mi jam amas ĝin. »

« Malfeliĉa Janneken ! la larmoj ŝprucis el liaj okuloj, kiam li vidis vin foriranta... Nu, mia kara, diru al mi, ĉu sur la mondo ekzistas pli granda feliĉo ol nia ? Tiuj bonaj homoj mortis pro malsato, ili levis ĉielen siajn brakojn kaj petegis la Sinjoron por helpo ; ni venis al ili kiel senditoj de la dia kompatemo ; ili surgenuiĝis antaŭ ni kiel antaŭ anĝeloj, kiuj venis por sciigi al ili, ke ilia preĝo estis plenumita, kaj en ni ili benis kaj dankis Dion ! Ho, Adela, nia socia vivo povus esti frivola kaj vana... la larmoj de tiuj personoj elaĉetos multajn el niaj pekoj ! »

« Nenion plu diru al mi », interrompis Adela kun emocio, mi sufiĉe komprenis. Ho, nun mi volas ĉiutage eliri kun vi, por viziti malriĉulojn kaj por partopreni en viaj bonaj agoj. Jes, ĉar nur nun mi konas sur la tero ian ĉielan plezuron kaj specon de feliĉego.... Sankta bonfaremo ! malfeliĉaj estas la riĉuloj kiuj ne konas vin. Kian ĝojigan emocion, kian dolĉan ĝuon ili ne havas ! »

. . . . . . . . . . . . . . . .

Je tiu momento ili turnis en la Hobokenstraton kaj malaperis malantaŭ la angulo.

Julio 1912.

## ◆◆ HOTELO GANDA 

KAFEJO - RESTORACIO

Brabantdam, 17 - 19 - 21, Vlaanderenstraat, 48, GENT

◀ ▶ TELEFONO 1050 ◀ ▶

Plej novaj instalaĵoj unuarangaj.

TRE KOMFORTAJ ĈAMBROJ DE FR. 3.00

Tagmanĝoj kaj vespermanĝoj je fiksaj prezoj kaj je la karto.

Pensiono. — Prizorgita kuirejo.

Posedanto **G. STENGER** 31

---

## HORLOĜOJ — ĴUVELOJ

# LOUIS BOON

**Groenplaats, 17. — Antwerpen**

Treege Rekomendita Firmo 27

---

# "CONSTANTIA„

**ASEKUROJ PRI LA VIVO — KAJ PRI FORMADO DE KAPITALOJ**

*Anonimaj Societoj sub la Ŝtatkontrolo en Francujo.*

SIDEJO :

**Maria-Theresialei, 1 & 3, ANTWERPEN**

SPECIALA SIDEJO :

**Place Sébastopol, 27, LILLE (Francujo)**

**Asekuroj pri la vivo kaj ŝpartitoloj kun garantiita trimonataj repagoj, je semajn — kaj monatpagoj.**

AGENTOJ RICEVAS TRE FAVORAJN KONDIĈOJN